vred

71

**Jaro III.** NOVEMBRO-DECEMBRO 1912 **4-5.**

# Internacia Pedagogia Revuo

## (I. P. R.)

Oficiala, monata organo de

## Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.)

Jara abono: Sm. 1,500. — Senpage por la membroj de I. A. I.

| | |
|---|---|
| Membra kotizaĵo por 1 jaro (La asocia jaro komencas la 1an de Aŭgusto) | ordinara membro: 1 Sm.<br>membro-propagandulo: 4 Sm.<br>membro-donaculo: 10 Sm. |

N.-B. — I. A. I. ankaŭ akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

### Tarifo pri anoncoj.

Por unufoja enpreso:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1/1 paĝo . . | Sm. 16 | 1/8 paĝo . . | Sm. 3,200 |
| 1/2 paĝo . . | Sm. 10 | 1/16 paĝo . . | Sm. 2 |
| 1/4 paĝo . . | Sm. 6 | | |

Malgrandaj anoncoj nekomercaj Sm. 0,200.

Rabato por 3-foja enpreso: 10 %
» » 6-foja » 20 %
» » 12-foja » 30 %

N. B. — La membroj de I. A. I. pagas nur je duonprezo, krom la rabato, ĉiujn anoncojn.

---

Avizoj de la redakcio. Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis poŝtpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj; sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni almenaŭ 2 ekzemplerojn de la tradukaĵo aŭ represaĵo. — En la fako «Bibliografio» estos registrataj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 2 ekzemplerojn. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

---

Redaktoro-Administranto:
Sro JAN JACOBS, kasisto de I. A. I.,
— Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen. Belgujo. —

## Estraro de I. A. I.

Honora prezidanto : Sro Dro E. Boirac, rektoro de la universitato, Dijon (Francujo).
Prezidanto : Sro Th. Cart, profesoro de la universitato (Paris).
Vic-prezidanto : Sro Maréchal, profesoro, Leeds (Anglujo).
Vic-prezidantino : Sino H. Zapater de Chalmot, profesorino, Köln a/R. (Germanujo).
Sekretario : Sro F. Durieux, direktoro de lernejo, 71, rue de Bouvines, Lille (Francujo).
Kasisto : Sro J. Jacobs, komunuma instruisto, 444, Boomsche Steenweg, Antverpeno (Belgujo).
Konsilantoj : Sro P. Christaller, profesoro, Stuttgart (Germanujo).
Sro Building, instruisto (Anglujo).
Sro E. Backheuser, profesoro, Rio de Janeiro (Brazilujo).
Sro Schönherr, instruisto, Dresden (Germanujo).
Sro Dro Clark, profesoro, Arborfield (Anglujo).
Sro O. Simon, profesoro, Wien (Aŭstrio).

## Konstantaj korespondantoj

Anglujo : Fino E. O'Brien. — Aŭstrio. Sro A. Neŭzil. — Bohemujo : Sro J. Süsser. — Bulgarujo : Sro G. Poppoff. — Danujo : Fino A. Mikkelsen. — Finnlando : Sro E. Elenius. — Francujo : Sro J. Azière. — Galicio : Sro J. Kaszycki. — Germanujo : Sroj M. Sykora & K. Härtel. — Hindujo : Sro J. N. Unwalla. — Irlando : Fino Stark. — Italujo : Sro A. Stromboli. — Nederlando : Sro Lutkie. — Polujo : Sro A. Lipski. — Portugalujo : Sro J. Pires Marques. — Rumanujo : Sro M. Timuŝ. — Rusujo : Sro S. Kuznecov. — Siberio : Sro I. Seriŝev.

I. P. R. estas tute ne profitcelanta entrepreno. Ĝi nur estas la oficiala organo de I. A. I. Ĉar tiu ĉi asocio staras ekster ĉia politika aŭ religia agado, I. P. R. ankaŭ ĉiam portos tian saman karakteron kaj neniam publikigos artikolon kiu povus iel ajn ofendi la politikan aŭ religian opinion de siaj gelegantoj. Oni ankaŭ ĉiam memoru ke ju pli multnombraj la anoj de I. A. I. estos, ju pli granda iĝos I. P. R.

Vendotaj tute je la profito de la kaso de I. A. I. : 14 ekzempleroj de « La Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperanton », originale verkita de F. L. G. Maréchal, B. A. — Prezo : 0,500 Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

10 ekzempleroj de « Noto pri la Inicilo Matematika » (16 desegnaĵoj en la teksto kaj unu folio eksterteksta kun 16 desegnaĵoj), verkita de Jacques Camescasse. — Prezo : 0,400 Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

77 Akvo-trinkpokaletoj por la migrulo. — Prezo : 3 ope por 0,100 Sm. (1 respondkupono) (afrankite) (Donaco de Sro E. Ulitzsch).

Oni mendu tuj ĉe la administranto de I. P. R.

Presejo Esperantista : J. Heylen-Andries, Antwerpen.

# La instituto por edukigo de malfortaj infanoj

Jam de longe estis mia idealo bari kaj tiel pereigi la venkantan progreson de la tuberklozo, kies terura glavo ne nur dekumas, sed kvindekumas la homaron.

Mi kredas ke ĉiuj ĝis nun entreprenitaj tiu cele paŝoj estis senefikaj kaj sensukcesaj, kontraŭbatalante ĝin, kiam ĝi estis jam tro fortike enradikigita. Mi pensas ke la plej bonefika milito estus, profilaksi ĝin jam en ĝiaj komencoj antaŭ, ol ĝi estos videbla. Mi opinias du remedoj estas la plej efikaj. 1) Malhelpi al jam tuberklozaj personoj naskigi infanojn (ne sufiĉas malpermeso de edziĝo) Nura rimedo estus, ke oni tuj kiam oni estas certa, ke iu ajn personoj estas tuberklozaj, elkastrigu ilin. Mi pensas ke por adulto elkastrigo estus nur bonfaranta rimedo kaj tute indiferente suportata de tiuj individuoj. 2) (pri tio mi volas pritrakti) estus forigi infanojn el malbonaj kondiĉoj kiuj povus esti kialoj de naskiĝo de nia grandega malamiko. Tio estas forigi ilin el iliaj familioj kaj nuna lernejsistemo, kie eĉ tute sanaj infanoj malsaniĝas. Ĉiuj rekonas, eĉ la leĝdonantoj kaj instruistoj, ke niaj lernejsistemoj estas malbonegaj. Sed neniu estas sufiĉe energia neniigi ilin kaj anstataŭigi ilin per bonaj, escepte kelke da fondintoj de privatlernejoj en Ameriko kaj Anglujo, tiel kiel ankaŭ multe da leĝojn kaj sistemojn malfeliĉe enradikiĝintaj en homara kutimo. Parto da ili diras: «Jes, tio aŭ alia estas malbonega, sed ankaŭ ni travivis tion». Aliaj estas tro neagemaj aŭ malenergiaj malaperigi icn, kio ne plu tuŝas ilin aŭ iliajn familiojn; kaj malfeliĉaj infanoj estas antaŭjuĝitaj al antaŭtempa morto, ofte naskiginte multe da aliaj oferoj. Kiel oni scias, la tuberklozaj personoj estas la plej fruktigantaj eĉ antaŭ sia morto. Sed nesufiĉas forigi infanojn el malbonaj kondiĉoj sed estas necese anstataŭigi ilin per kondiĉoj bonaj. Tio estas sendi ilin en sanigan klimaton kaj fortigante ilian farton zorgi samtempe pri ilia eduko por vivbatalado.

Vojaĝinte sur preskaŭ la tuta mondglobo, mi serĉis taŭgan regionon kaj trovis ke Egiptaj desertoj estus eble la plej taŭgaj

por efektiviĝi miajn planojn. Por certiĝi pri tio, mi elektiĝis tien, kiel kuracisto kaj trovinte la plej idealajn kondiĉojn por mia projekto, mi faris kontrakton kun lernejposedanto, kiu disponigis al mi duonon da sia instituto, tio estas 14 bonege situatajn sunajn ĉambrojn kun tuta personaro. (Profesoroj, servistoj, k. t. pl.) eĉ grandan ĝardenon kun gimnastilaro kaj du aliajn vilaojn oportunege konstruitajn.

Tiel al mi estas ebligite, ke mi malfermos komence de novembro 1912 instituton, kien estos ricevitaj infanoj de 5-19 jaroj kun atesto de iliaj kuracistoj ke ili havas neniun infektiĝan malsanon. Infanoj estos instruataj laŭ plej modernaj amerikaj kaj anglaj praktikaj metodoj (manlabora metodo) laŭeble sub ĉielo en absolute pura aero ellasinte laŭeble ĉiun teorian instruadon al sidado devigatan.

La infanoj, kiuj ne eltenus bone varmegon somere en Egiptujo, povus transmigri 31 V : 31 VIII en alian instituton disponigitan al mi en ĉarmega valo de Libanona montaro aŭ alian tiucele oportunan lokon. Infanoj estas akceptotaj ĉiutempe kaj mi povos tiujn el Eŭropo fine de oktobro kunpreni en mia zorgado ĝis Heliopolis-on kaj fine de marto returnen. Por parencoj eble akompanantaj la infanojn mi trovos oportunajn malmulte kostajn loĝejojn en Heliopolis aŭ en proksima Kairo.

Infanoj povus esti de iu ajn nacio, religio aŭ vivkondiĉo, ili ricevas instruadon por iu ajn profesio aŭ metio aŭ scienco.

Memkompreneble por perfektigi tiun instituton estos necese granda kapitalo kaj al tiu ĉi celo mi intencas akcionigi tiun entreprenon. Akcionuloj povus esti : Ĉiu persono, societo, urbo, banloko, k. t. pl., kiuj aprobas miajn ideojn, kiuj bezonas sendi siajn infanojn en simila instituto, aŭ kie oni povus fondi filiojn de tiu ĉi entrepreno. Mi pensas ke precipe ĉiuj ŝtatoj devus partopreni en tiu bonfaronta laboro kaj doni iliajn subvenciojn kaj subtenadon.

Mi mem absolute rifusas eĉ la plej malgrandan profiton el tiu ĉi entrepreno kaj ĉiun eblan, durante ĝi estas mia propraĵo, mi donacos al la infanoj.

Mi dankeme akceptos ĉiujn konsilojn rilatontajn al tiu ĉi instituto por laŭeble perfektigi ĝin.

Aliĝojn de akcionuloj mi ankaŭ tuj akceptos. Ĉiujn donacojn (monon aŭ objektojn por lerneja instruado) oni povas tuj sendi al sian konsulaton. Tial ke tiu ĉi instituto estos nepre senprofitema por mi kaj treege bonfaronta al tuta homaro mi petas ke ĉiuj gazetoj publikigu tiun ĉi artikolon kaj tiel disvastigu kiel eble plej ĝian ekzistadon.

Mi atentigas, ke tiu ĉi infana instituto en nenio rilatas al miaj privataj sanatorioj (en Heliopolis vintre kaj en Luhaĉovice (Moravio, Aŭstrio) somere), kien mi akceptas ĉiujn malsanulojn en iu ajn aĝo.

Dro H. Ŝipek,
Luhaĉovice-Aŭstrio.

---

# Rusa popola lernejo

En Rusujo estas la popola klereco ĝis nun tre malmulte disvastigita. Privataj societoj, disvastigantaj la klerecon, estas preskaŭ neniaj, ĉar ĝisnunaj politikaj ĉirkonstancoj estas tre malfavoraj por ili. Krom tio la rusa kultura societo estas tre inerta en tiu rilato. La klereco, se oni povas tiel nomi la fundamentan scion legi, skribi kaj kalkuli, disvastiĝas inter la popolo per elementa lernejo, de kiu ekzistas du tipoj : ministraraj kaj ekleziaj.

Unuaj estas konstruataj de la registaro kaj estas sub la administrado de la ministro de popola klereco ; aliaj troviĝas apud la preĝejoj kaj estas sub la pastra estraro. Instruistoj prepariĝas en specialaj instruistaj « seminarioj » aŭ en episkopaj lernejoj (« eparĥialoj ») En la lasta tempo multaj fraŭlinoj, finintaj la virinan gimnazion, fariĝas ankaŭ popolaj instruistinoj. Salajron ricevas la geinstruistroj tre malaltan, 17-25 rublojn monate kun senpaga loĝejo. La lernejoj plej ofte estas malgrandaj kaj malpuraj. En unu ĉambro tre ofte troviĝas pli ol 100 gelernantoj, kiujn instruas nur unu instruisto. La lernantoj estas malpuraj kaj malriĉe vestitaj. La benkoj estas maloportunaj ; sur unu benko ofte sidas 8-10 gelernantoj. Ni povas imagi, kia estas aero en tiaj lernejoj.

La lerntago komencas matene je la 9a horo kaj finiĝas post la 12a horo por la lernantoj de l' unua jaro post la 2a horo por

ĉiuj ceteraj. Tuta lerntempo daŭras nur tri jarojn. La programo estas sekvanta:

En la unua jaro la gelernantoj lernas legi, skribi, kalkuli kaj mallongajn preĝojn.

En la dua jaro ili perfektiĝas en la legado, rakontas simplajn rakontetojn, skribas laŭ la diktado, solvas la aritmetikajn taskojn laŭ kvar aritmetikaj reguloj, legas malnovan testamenton kaj lernas legi ankaŭ preĝeja-slava lingvo.

En la tria lernjaro perfektiĝas la lernantoj en la legado, skribado, aritmetiko, preĝeja-slava lingvo, legas novan testamenton kaj lernas la religiajn verojn el malgranda katehismo.

Jen tuta programo! Kun la rusa literaturo, kun historio kaj geografio la lernantaro preskaŭ tute ne konatiĝas. Tolstoj, Puŝkin, Turgenev estas tute nekonataj nomoj de tre multaj vilaĝanoj.

Ni aldonu al tio, ke la lernejoj estas tre malproksimaj unu de alia, ne pli proksime ol 5 7 verstoj (kilometroj) kaj eĉ pli malproksime. Multaj infanoj devas iri vintre dum la frosto de 15 eĉ pli da gradoj kaj dum aŭtuna koto 5 verstojn de sia domo! La bildo certe ne estas agrabla kaj bela, kiel ni vidas.

Sed dank' al Dio, nune jam ne plu estas tiel. Jam komencas nova epoko por rusa popolo. Lasta tempe la registaro donas pli multe da mono por popola klerigo. La instruistoj ricevas pligrand-igitan salajron, — monate 30 rublojn. Laŭ la lasta projekto de la registaro estos plimultigota la nombro de l' lernejoj kaj de l' instruistoj. Por ĉiu 50 infanoj estos unu instruisto kaj aparta ĉambro.

Laŭ la sciigoj de A. Borisenkov el Isakovo (Rusujo) skribis.

Antonin Valoušek,
Medlanky u Brna,
Moravio, Aŭstrio.

---

Ke la lingvo Esperanto taŭgas kiel internacia traktilo ni pruvos, se la societoj Esperantaj donados ne nur idealaj, sed ankaŭ realaj profitoj. I.A.I. konsistas ĝis nun de anoj idea'uloj kiuj komprenas belegajn celojn, kaj esperas grandan sukceson de nia Societo dum estonteco. Tamen ni jam nun povas havi

realajn profitojn de nia interkonatiĝo kaj kunliĝo, ekzemple per komuna interŝanĝo de helpiloj necesaj dum instruado. Mi ne devas pruvi kiel bezonaj estas dum instruado diversaj helpiloj. Precipe natursciencoj ne estas imageblaj en lernejo sen papilioj, kreskaĵoj, ŝtonoj, birdoj, serpentoj k. t. p. Ne ĉiu estraro de la lernejo estas tiel riĉa por tiujn ĉi helpilojn aĉeti. Sed ni Esperantistoj havante en ĉiu angulo de la mondo konatulojn povas helpi unu la alian. En unu parto de la mondo troviĝas plenvaloraj fosilaĵoj, sonserpentoj, kalkŝtonoj, la ĉemaraj ĉirkaŭaĵoj havas belajn konkojn, koralojn kaj fiŝojn. Kun helpo de nia gazeto ni povas sendi fosilaĵojn kaj ricevi konkojn, tiel maniere ni aranĝos belajn lernejajn kolektaĵojn. Tio farus duoblan profiton — unue ni akiros plenvalorajn kolektaĵojn, due ni reale propagandos por nia I. A. I. kaj por Esperanto. Ĉiu kolego, gasto aŭ vizitanto demandos — de kio vi serĉis tiel belajn objektojn, respondo : tion mi ricevis de hinda kolego, tion mi interŝanĝis kun aŭstralia samideano.

Mi donas nun unu ekzemplon kiel pruvadi realajn profitojn, kiujn povas doni lingvo internacia, aliaj Esperantistoj donados laŭ iliaj bezonoj aliajn ekzemplojn. Se ni ĉiuj uzados dum ĉiu paŝo la lingvo Esperanto, ankaŭ realuloj konvikiĝos pri la granda profito de Esperantaj Asocioj, kaj la mondo fariĝos unu Esperantistaro.

Zajchowski Zygmunt, instruisto,
Jadowniki-Brzesko
Galicio-Aŭstrio.

(*) Rimarkojn kaj informojn je ĉi-supra temo mi dankeme akceptos.

---

## LERNEJAJ FRANCAJ OKAZINTAĴOJ

De longe la francaj geinstruistoj plendas unuanime pri multaj malbonaĵoj, precipe pri siaj malaltaj salajroj. Preskaŭ ĉiuj estas anoj de profesiaj asocioj kies federacio enhavas 90.000 membrojn.

De dek jaroj, la plej antaŭemaj kaj energiaj el niaj gekolegoj

starigis sindikatojn similajn al la laboristaj sindikatoj kaj aliĝis al la « ĝenerala laborista kunfederacio ».

En Aŭgusto okazis en Chambery kongreso de tiuj sindikatoj. Dum tiu kongreso la ĉeestantoj alprenis diversajn decidojn kiujn multe kritikis la konservativaj politikaj partioj.

Sekve de tiuj bruaj polemikoj en la gazetoj la franca estraro ordonis la disiĝon de la sindikatanoj kulpigante ilin propagandi kontraŭ patriotismo kaj kontraŭ militamo. La sindikatanoj — ili estas ĉirkaŭ 6000 — kontraŭdiris la asertojn de la gazetoj kaj de la ministro. Ili rifuzis disiĝi kaj publikigis la tekstojn de la akuzataj decidoj en fama manifesto.

En tiu manifesto la sindikatanoj plendas ke oni kondamnis ilin sen ilin audi. Nome ili diras « Nia patriotismo incitas nin deziri ke Francujo estu ĉiam pli prospera sed ankaŭ ĉiam pli homama kaj ĝustama. Ni opinias ke en aliaj nacioj estas kiel ĉe ni fidindaj, altpensemaj homoj kiuj estas patriotaj laŭ nia maniero, ĉie estas laboristoj kiuj penadas, suferadas, sed kiuj revas kiel la francaj laboristoj pri estonto pli bona por la tuta homaro. Tial ni estas nepre paĉamantoj. Ni kredas tute baldaŭa la momenton kiam la internaciaj malkonsentoj solviĝos sen sanga elfluo...

Ni energie protestas kontraŭ la ŝovinaj ekcitoj kaj la manovrcj de la politikuloj kaj financuloj kiuj ĉiumomente riskas naskigi ĝeneralan kunflagron.... »

600 geinstruistoj subskribis tiun manifeston. Multaj politikaj, sociaj kaj filosofiaj asocioj aprobis ĝis laŭte sed la ministro de publika instruado ordonis ke la subskribintoj estu punataj, kaj sendis la sindikatestrarojn antaŭ la tribunalon.

La tribunalo kondamnis ilin en oktobro sed nur pro tio ke leĝe la geinstruistoj ne rajtas klare unuiĝi sub formo de sindikatoj.

Nun la parlamento devas baldaŭ diskuti tiun demandon kaj ankaŭ la demandon pri salajroj. Jam la ministro preparis projekton por iom altigi tiujn salajrojn.

J. Aiziere,
Alfortville - apud Parizo.

LA INFANA LIRO. — Francaj kantoj kolektitaj por infano de unuagradaj lernejoj. Tiu libro enhavas 32 facilajn, bonelektitajn kantojn. Ĝi ricevis grandan sukceson ĉe la francaj geinstruistoj. Multaj inspektoroj kaj kompetentuloj rekomendis ĝin. Prezo afrankite 0,60 fr. (24 spd.) aĉetebla ĉe la verkisto. So A. Rouveret, instruisto en Bagard-Gard, Francujo. - Duonprezo estas konsentita al esperantistaj kolegoj.

Ĉar Sro Rouveret deziras dediĉi al I.P.R. la monon de la ricevotaj mendoj sin turmi al Sro Jacobs, nia ĝen-rala kasisto, por la mendoj.

---

# Ekbrilu la nova sun' !

Paco ! — la dolĉa vorto — la deziregо de multaj — ne, la deziregо de ĉiu homo !

Unuj laŭte, buŝe aŭ skribe deziras ĝin al si, aliaj sentas nur kaŝe en sia koro ĉi tiun deziron, sopirante al ĝi.

Kaj ne nur la persona sed ankaŭ la interhoma paco estas ĉiam pli dezirata.

Videble la prudento homa pli kaj pli bone ekkomprenas, ke persona paco dependas ne nur de forigo de interpersona malpacigo sed eĉ de forigo de internaciaj malpaciĝo.

Sekve de tio en ĉiu lando pli kaj pli estas parolate pri paco, pri internacia paco.

Pri ĝi parolas diversfakaj personoj, oni skribas en multaj gazetoj kaj libroj, oni fondas la specialajn gazetojn kaj pacocelantajn societojn, ekzistas malavaraj monkaj labordonacantoj, ne mankas ankaŭ la fervoraj predikantoj.

Jen la katolikaj gazetoj, jen tiuj de socialistoj destinas sufiĉe da loko por la pacaferoj mem. La aliaj faras la samon.

Ĉiu deziras nun restadi en paco, neniu volas militbatali.

Ĉu ne ekzistas grupoj kaj rondoj, en kiuj oni plej videble ekrimarkas la laŭpacajn interrilatojn ? Ho, ni scias bone, ke ili estas inter ni esperantistoj. Ĉe ni tiu parolo ne estas sole teorio sed evidenta realaĵo. Ni vidas ja inter diversnaciaj esperantistoj

la sinceran konkordon kaj veran amon fratan. Kiu ĉeestis almenaŭ unufoje nian kongreson internacian, tiu konvinkiĝis pri tio per propraj okuloj. La tuta nia movado celas ja tion ĉi.

Se ĉio ĉirkaŭe alvokas al paco, ĉu ni, instruistoj, restas indiferentaj, nenion dirante pri ĝi? Ĉu ni nenion helpos? Ĉu ni ne havas por tio efikajn rimedojn? Ĉu ni estas senpovaj? Ĉu ni havas nenian devon? Ĉu ne estas vero, ke la estonteco de niaj posteuloj dependas de ni?

Ho ne! rilate al tiu afero ni staras ja unualoke, ni, kiuj certe plej multe kaj plej efike povas ĝin enradikigi kaj disvastigi, ni, kiuj ĉiumomente havas la okazon ektuŝadi la plej delikatajn korojn, kiuj taŭgas ensorbi ĉion, kion ili aŭdas aŭ vidas, la korojn, kiuj estas la plej fruktodona grundo.

La paco interhoma povas esti enkondukota en mondon plej sukcesplene nur de ni instruistoj per konvena edukado. Ni prenu do la aferon en niajn manojn, ĝi estas ja nia duobla devo: kiel tiu de la esperantistoj kaj tiu de la instruistoj-pedagogoj. Ni semu do la internan ideon de Esperanto, ni konvinkadu la edukatojn niajn, ke la feliĉa vivado de ĉiu aparte kaj de ĉiuj kune troviĝas nur en la paco. Ni montradu al ili la vojon kaj rimedojn al ĝi celantajn, ni cetere konduku ilin al tiu celo, antaŭportante la vergon de amo kaj paco!

«En ĉies feliĉo estu ĉies celo!» diris poeto Mickiewicz.

Gekolegoj! Vi komprenas la gravecon de l' afero. Se vi vere amas la popolon, la vian, se vi vere amas la gefrataron, la homaron, vi certe ne ŝanceliĝos; ĉiu el vi, en kies koro ne estingiĝis ankoraŭ la ardanta, nobla tajrero de entuziasmo, entreprenu per ĉiuj fortoj tiun ĉi agadmanieron!

Vere sankta kaj alteŝatinda estas tiu ideo kaj multevolora devas esti la laboro entreprenota pro tiuj noblaj intencoj!...

Kiel dolĉe estas trovi unu amikan koron? Ĉu ne estas preferinde ekposedi pli multajn da ili, eĉ ĉiujn, se eble?...

Koroj, sincere, noble amantaj koroj, kiom alta estas via valoro! Kiel grandegan trezoron, la trezoron karegan por vi mem kaj karegan por aliaj vi havas! Al kiom multe da aliaj vi estas povaj kaj ĉiam pretaj alporti helpon, konsolon, feliĉigon? Vi

kiujn pro viaj noblaj servoj ĉirkaŭas ĉe ĉiu paŝo estimo, respekto, honoro kaj amo de ĉiuj... vi estas vere feliĉaj !...

Al tiu feliĉeco konduki la homaron estu nia devo, la devo cetere sankta kaj honorporta. Se ni ĝin ne entreprenos, mi demandas : Kiu ĝin faros !... Ĉu ĝi — la homaro — estas forlasota en nuna, bedaŭrinda stato ?... Ĉu tia estas ĝia destino ?...

Ho, ne ? Ni eltiru la malteliĉulojn el tiu ĉi abomena ĥaoso, el tiu ĉiam pli kaj pli forta suferado !.,. Ni helpu al ili !... Ni savu ilin !... Ili ja es'as niaj gefratoj !...

Ekbrilu la nova sun' super nia globo !...
Ekbrilu la nova sun' !...
Ekbrilu !...

Ĝi fariĝos nur, se ni ekflamiĝos en ĉies brusto la varmegan, noblan amon al ĉiu alia, kaj per tio mem ni donacos al la homaro la veran trezoron, la feliĉecon...

Se ĉiu semados en sia rond',
La semo elkreskos sur tuta la mond'.

Jan Kaszycki,
en Grzegorzki (Galicio-Aŭstrio).

RIM. Laŭ tio, kio estas dirite, mi proponas : Ni destinu iom da loko por la pacaferoj en nia « Internacia Pedagogia Revuo » kaj sendadu artikolojn pri paccelada edukado. Multaj estas inter ni pacemuloj, do mi kredas, ke la afero bone prosperos.

---

# Pri la stato de Esperanto-movado inter la Instruistaro en Saksujo

———

En la jaro 1908 faris okaze de l' XVa ĉefkunsido de l' Saksa Instruistaro en Zwickau (elparolu cvikaŭ !) Sro instruisto J. Gneuss tre efikan paroladon pri Esperanto. Li eĉ sukcesis fondi la « Esperanto Asocio'n de Saksaj Geinstruistoj ». Tiu ĉi unuiĝo ekzistas nuntempe 4 jarojn. Kelkfoje oni jam supozis ĝian morton. Sed ĝi havis pli daŭran vivon ol la plejmulto esperis ! Certe, en la komenco la intereso por ĉi tiu « novaĵo »

estis sufiĉe granda. Multe, pli ol 150, aliĝis. Tre bone, sed, ho ve! La plej grava afero venis poste. Oni postulis monon de la membroj! Oni ne postulis multe da mono. Ho ne! Nur 25 Sd pojare. Sed la mono inter instruistoj ĉiam estas la plej grava afero. Sur la papero ekzistis pli ol 150 membroj, en la kaso nur 40. Kaj la plej maloportuna afero estis, ke la kvardek membroj loĝis en preskaŭ kvardek lokoj. Kion fari per la kotizoj? La membroj jam elspezis multe da mono por sendi siajn kotizojn. Kaj kion sendi al ili por la mono ricevita? Ĉu membrokarton? Ĉu cirkuleron? Ĉio postulis monon, pli ol la enspezitan. Tiel oni sendis nenion al la membroj. Kaj la membroj ne sciis, por kio ili donis sian monon. Ili rezignis kaj forlasis la aferon unu post la alia. Nur malmultaj restis fidelaj. Jen la stato antaŭ unu jaro. Tiam mi eniris la ŝajne subakviĝontan unuiĝan ŝipon. Mi tre bedaŭris la fakton, ke multe de membroj ne pagis siajn kotizojn malgrandajn. Sed mi kombinis: Por tro malmulte da mono oni ne povos havigi al la membroj ion pro troaj poŝtelspezoj. Tial mi postulis plialtigon de l' kotizoj ĝis 62 Sd. Plue mi konjektis ke per sendo al tro multe da lokoj oni fordonas ankaŭ tro multe da poŝtelspezoj. Tial mi postulis, ke oni grupiĝu laŭ urboj aŭ vilaĝoj. Kaj oni plenumis miian volon.

Oni formis grupojn en Dresden, Leipzig, Doehlen, Weinboehla, Nossen, Muegeln, Mylaŭ. Nun nia unuiĝo pli kaj pli refortiĝis. Ĝi kreskis ĝis 83 membroj la lan de Sept, 12 kaj mi povis havigi al ĝiaj membroj ne nur cirkuleron sed eĉ sciigojn presitajn. Kompreneble ni ne povas eldoni ĉiumonate la sciigojn, sed pokvaronjare. Sed ni trovis tre oportunan gazeton « Ĉirkaŭ la mondo » (Eldonejo Heckner, Wolfenbuettel), kie ni povas enpresigi ĉiumonate niajn plej urĝajn sciigojn, kiujn ni kvaronjare kolektas en aparta presaĵo (Komunikis: Max Sykora, Dresden. Germanujo-Saksujo.) (Daŭrigota).



# ESPERANTO-UNUIĜO DE DANAJ GEINSTRUISTOJ.

La 23an de novembro okazis ĝenerala kunveno de « Esperanto Unuiĝo de danaj Instruistoj». La unuiĝo nun havas 55 membrojn, ĝi komencis antaŭ unu jaro per 19. La prezidanto raportis pri la laboro dum la pasinta jaro. La Unuiĝo estas precipe propaganda unuiĝo kaj postulas interesigi unue la instruistaron, due la lernejestrarojn pri nia lingvo. Oni faris tion parte per artikoloj en fak-gazetoj kaj en tagaj gazetoj, parte per propagandbroŝuroj senditaj al estroj kaj instruistoj ĉe superaj lernejoj. Dum la pasinta vintro la unuiĝo aranĝis du lumbild-paroladojn en Kopenhago, la unuan en la kopenhaga komunuma instruistsocieto, la duan en granda privata knabinlernejo, apartenanta al Fino Jespersen; krom tio estis aranĝitaj paroladoj en provincurboj Odense kaj Aarhus.

Pentekostan sabaton okazis kunveno en Fredericia, provincurbo en Jutlando, ĉeestis 50 personoj, danaj kaj eksterlandaj, speciale germanoj survoje al dana jarkunveno en Vejle. Ankaŭ la prezidanto de la dana idista unuiĝo ĉeestis, li respekt plene priparolis n'an laboron kaj la samtempe aranĝitan ekspozicion.

Cetere ĉe la ĝenerala kunveno la kas'sto prezentis la kalkulon, kiu estis aprobita.

La estraro submetis siajn mandatojn, kaj oni elektis novan estraron.

Reelektiĝis Fino Asta Mikkelsen, prezidantino.
Fino Margrethe Noll, sekretariino.
Sro Chr. Beyerkolm, kasisto.
— Joh. Petersen
— Zoffmann

Novaj membroj estas Sro vicinspektoro Magnussen anstataŭ Sro Kempf, kaj Sro Moesgaard anstataŭ Sro Carlsen. Kiel supleantoj oni reelektis Sinon Lövgren kaj novelektis Sron Christiansen, instruisto en Frederiksvaerk.

ASTA MIKKELSEN.

# Monumento por bonfarulo de la humaro

(Laŭ artikolo el « Das interessante Blatt » tradukis Alois Halamasek.)

La antaŭan jaron en Kopenhago estis konstruita monumento de la fama dana skulptisto Rudolfo Tegnor por Niels Ryberg Finsen, kiu reprezentas la dankon de la tuta kulturhomaro al sia bonfarulo. Finsen uzadis la unuanfojon la fiziologiajn efikojn de la lumradioj por kuracaj celoj kaj elpensis rimedon, per kiu li sanigis milojn da homoj, kiuj malsaniĝis je lupuso. Lupuso estas tuberkulozo de la haŭto. Ankaŭ sur aliaj teritorioj de la medecino liaj esploroj pri la saniga de la lumradioj estis uzitaj kun bonaj sukcesoj. Finsen naskiĝis en Thorshawn sur la Färör-insuloj, efikis de 1890 ĝis 1896 en la Kopenhaga universitato kaj en la sama jaro li fariĝis direkto de l'instituto por lumterapio, kie li faris esplorojn pri la efikoj de lumo sur vivantaj organismoj kaj la atingitajn rezultatojn li uzadis en la servo de la praktika medecino, precipe por la sanigo de la lupuso. La kuracado bazis sur tio, ke la lumradioj, precipe la bluaj, kiuj efikis detruante sur la bakterioj per lensoj (*) estis koncentrigitaj al la malsanaj ĉefaj korpaj partoj dume oni forigis la varmradiojn kaj la ruĝajn radiojn per blue koloritaj akvo-filtriloj. Por tio oni bezonis la elektran arkolumon, kiu enhavas multe da bluaj radioj. La kuracado ĉiutage daŭris unu ĝis du horojn kaj estis sendolora. En la jaro 1903a Finsen ricevis la medecinan Nobel-prezon. Li mortis la sekvantan jaron en Kopenhago. Honoron al lia nomo! Li ĝojigis la precipan bonsenton de la angla reĝino Aleksandrino, kiu estis dana princino. La reĝino donacis la unuan Finsen' an lumradian aparaton al la Londona hospitalo.

---

(*) Lenso estas optika instrumento el vitro, sed lento estas ŝelfrukto.



Ni ricevis de Sro Dro Alfredo Stromboli la sekvantan leteron :

Genova, Novembro 1912.

ESTIMATAJ SINJOROJ,

Pro la agado de kelkaj samnaciaj Esperantistoj, kiuj por kontraŭbatali miajn personajn sentojn, kalumniis nian « Genova Esperanto-Unuiĝo », kontraŭstaris al la nacia Asocio, disvastigis antaŭ kelkaj monatoj la malveran sciigon ke la 9a Kongreso plu ne okazos en Genova, disvastigis la famon ke oni intencas fari la Naŭan Kongreson liberpensula kongreso, kaj semis konstante en la nomo de la samideaneco la malkonsenton en niaj vicoj, penante ruinigi nian Societon.

Pro la malmulta tempo, kiu nune restas al mi libera de miaj privataj afer oj, kiuj eĉ devigos min ofte forveturi el Genova.

Mi estis bedaŭre devigata :

por repreni mian liberecon de agado, kaj pli akurate prizorgi al miaj privataj aferoj ;

por ne plu esti kaŭzo ke oni malhelpu al sukcesplena laboro de la unua Itala Esperanta urbo ;

por ke oni ne plu dubu pri la neŭtraleco de l'organizado de la naŭa Kongreso ;

eksiĝi : de Prezidanto de la Genova Esperanto-Unuiĝo ;

de Prezidanto de Itala Esperanto-Asocio ;

de Delegito de U. E. A. ;

kaj de l'organiza Komitato de la naŭa universala Kongreso.

Tial mi petas la multenombrajn personojn, kiuj kutime sin turnas al mi, noti tiun ĉi fakton kaj senkulpigi min se mi plu ne respondas al siaj leteroj.

Kun la plej alta estimo mi Vin salutas.

Dro ALFREDO STROMBOLI.

---

# GRAVA!

PRAHA, en decembro 1912.

TRE ESTIMATAJ SAMIDEANOJ !

Estas certe en bona memoro la paroladvojaĝo pri Kalifornio de sinjoro Parrish el Los-Angeles, kiu en 250 eŭropaj urboj povis

danke Esperantor, prezenti al la publiko la belecojn de sia lando. Entuziasmigita per tiu ĉi maniero de propagando kaj per la sukceso de sinjoro Parrish, mi decidiĝis entrepreni similan vojaĝon, celante atentigi pri la

ĈEFURBO DE REĜOLANDO BOHEMUJO PRAHA

kaj per tio samtempe helpi la propagandan klopodon de niaj samideanaj kluboj.

Mi estas firme konvinkita, ke la temo, akompanata de 120 artiste koloritaj lumbildoj de la plej fama bohema pentristo Ŝpillar, altiros atenton de ĉiu gasto, kaj juĝante laŭ la entuziasmo, kiun la vizito al Praha, unu el la plej belaj urboj de Eŭropo, vekas en ĉiu fremdulo, mi esperas, ke sufiĉos en via rondo iom da propagando por garantii ankaŭ plenan sukceson al mia parolado. Pri tiu ĉi sukceso mi estas certa, ĉar ne sole influaj korporacioj, kiel ekz.:

Urbestraro de la ĉefurbo Praha, Komerca Ĉambro en Praha, la bohema nacia konsilantaro kaj Bohema landa ligo por akceli la turisman movadon en bohemujo favore subtenas tiun ĉi entreprenon, sed mem la konvena vintra sezono garantias multnombran gastaron ankaŭ el publiko neesperantista, por kiu estas miaj paroladoj tradukotaj nacilingven de iu el vi rondo.

La programo de la vojaĝo (decembro 1912 — fino de aprilo 1913): Praha — Okc. Germanujo — Nederlando — Belgujo — Francujo — Hispanujo — Alĝerio — Suda Francujo — Svisujo — Italujo — Samos — Bulgarujo — Rumanujo — Serbujo — Hungarujo — Galicio — Ruslando — Svedujo — Norvegujo — Danujo — Anglujo — Germanujo — Praha.

(Samideanoj, loĝantaj en la nomitaj landoj, bonvolu, senprokraste sciigi al mi, ĉu ili deziras, ke mi vizitu ilian urbon, por ke mi povu laŭ ebleco ĉiun kontentigi.)

Por ke ĉiu societo, eĉ la plej malgranda, povu akcepti mian proponon kaj laŭeble mem gajni per la parolado novajn financrimedojn kaj samtempe altiri atenton al nia lingvo, mi fiksis por unu parolado 17 Sm (40 K.) La reklamelspezoj, ĉambrego, lumo ktp. estas pagotaj de la klubo mem, kiu prizorgos ankaŭ la aparaton por lumbildoj.

Esperante, ke vi uzos tiun ĉi proponon por subteni mian laboron kaj por helpi la propagandon de Esperanto en via urbo, mi petas vian favoran respondon malplej frue antaŭ la 15 de novembro 1912.

Adresu ĉiam, ankaŭ dum mia vojaĝo : Sinjoro Prof. Aug. Pitlik, Praha III., Jansky vrŝek 3. (Bohemujo.)

Kun plena estimo

Prof. Aug. Pitlik,
membro de « U. E. A. »

---

MEMBROJ KIUJ ALIĜIS ANTAŬ
LA 1an DE DECEMBRO 1912

109. Sro G. Tétaud, Vauchrétien (Maine et Loire Francujo) 1.—

110. Sro G. M. Gerault, Place de Notre-Dame de Torcy, Sédan (Ardennes-Francujo) 1.—

Sro profesoro E. H. Flowers, North Platte, Nebraska (Usono) 1.—

Sro A. Fabre, Ecole de la Serinette, Toulon (Var-Francujo) 1.—

Sro V. H. Zamjatin, inspektoro de la gimnazio, Ĥarkov (Rusujo) 1.—

Sro I. R. Golubcov, Kotly, Jambnig u., S. Petersburg gub., s. Sojkino (Rusujo) 1.—

---

MALNOVAJ MEMBROJ, KIUJ JAM PAGIS
SIAN KOTIZAĴON POR LA JARO 1912-1913

10, Sro O. Nerson (1 Sm.); 80, Sro José Pirés Marqués (0,980 Sm.); 70, Sro P. Kabanov (1 Sm.); 20, Sro S. Kuznecov (1 Sm.); 63, Sro F. Roy (1 Sm.); 39, Sro Bed. Doucek (1 Sm.); 75, Sro F. Maréchal (1 Sm.)

---

MONOFEROJ

Sro O. Nerson (0,200 Sm.) — Sro P. Kabanov (0,200 Sm.) — Sro S. Kuznecov (0,200 Sm.) — Sro G. Tétaud (1 Sm.) — Sro A. Fabre (1 Sm.)

# BIBLIOGRAFIO.

LA ARTEFARITA « ALTMONTARSUN » — BANO). Nova kuracmetodo de Dr. med. Breiger, Berlin. Eldonejo : Ader & Borel, G. m. b. H., Dresden — A 1, Struvestrasse, 40. — Prezo : 0,200 Sm.

KARLO, rakonto en dudek ĉapitroj. Kvara eldono (dekduamilo) entute represita laŭ la originala manuskripto. Verkis Sro Edmond Privat. — Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. — 0,250 Sm.

HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO. — Unua parto : 1887-1900. — Verkita de Sro Edmond Privat. — Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. — 0,500 Sm.

Ambaŭ ĉi supre cititaj verkoj de Sro Edmond Privat inde pliriĉigas la trezoron de Esperantaj verkoj. La lingvo kaj la stilo estas modele fudamentaj.

Karlo estas facile komprenebla libro, kaj plej bone taŭgas kiel legolibro en kursoj.

Ĉiu Esperantisto, kiu deziras perfekte koni sian lingvon, devas legi la « Historion ! »

LA INSTITUTO MILNER de Jean Jullien, tradukis la Lyon'a Grupo ; n° 24 de Esperanta Biblioteko Internacia. Eldonejo : Ader & Borel, G. m. b. H., Dresden. - A 1, Struvestrasse, 40. — Prezo : 0,100 Sm.

NURNBERGER ESPERANTO-TRICHTER (Leitfaden für Schnell-und Massenkurse von Ŝattat) Esperanto-Oficejo, Königsberg i. Pr., Burgstrasse, 2. — Prezo : 0.500 Sm. po 100 ekz.

PREZARO No 104 de E. Neumann & Co., Dresden — N., Kaiserstrasse, 5. — Fabriko por kotilonaĵoj kaj karnavalaĵoj, maskaj kaj teatraj kostumoj, iluminaciaĵoj kaj dekoraciaĵoj ; eldonejo de teatraĵoj. — Petu la senpagan prezaron !

ESPERANTO, duonmonata internacia gazeto; oficiala organo de U. E. A. Jara abono : 2 Sm. luksa eldono : 2,500 Sm. Adm. : 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo).

LE PETIT ESPÉRANTISTE. — Revue mensuelle. — France : 1.10 fr. ; étranger : 1.50 fr. — Administration et rédaction : 39, Grande-Rue, Louhans (France).

---

## ATENTU! GRAVEGE!

Por ne malhelpi la regulan funkciadon de nia asocio kaj la regulan aperadon de la revuo, la malnovaj membroj estas petataj s e n p r o k r a s t e sendi sian kotizaĵon.

La Kasisto.

# Avizo al la verkistoj kaj eldonistoj

———

Se vi vere deziras ke viaj verkoj kaj eldonaĵoj estu kiel eble plej multe vendataj, anoncu ilin en nia revuo. Viaj anoncoj estos legataj de niaj gemembroj, kiuj ĉiuj estas ne nur fervoraj esperantistoj, sed ankaŭ instruantoj de Esperanto. Al ili estas do komisiita konigi viajn verkojn kaj eldonaĵojn.

Gemembroj-verkistoj, profitu de la speciala rabato; neniu alia gazeto oferas al vi tiel profitigajn kondiĉojn!

Gekolegoj, varbu anoncantojn!

BELGA ESPERANTISTO

—

Oficiala monata organo de Belga Ligo Esperantista.

24 p. Esp., flandre, france

Jara abono : 5 fr. (2 Sm.)

Adm. : 45, Kleine Beerstraat,

— Antwerpen —

---

— THE BRITISH ESPERANTIST —

Oficiala monata organo de Brita Esperantista Asocio

20 p., Esperante & angle

Jara abono : 3 ŝiling (1,500 Sm.)

Sin turni al la sekr. de B.E.A. 133-136, High Holborn London

---

— LA ONDO DE ESPERANTO —

Monata gazeto kun senpaga literatura aldono.

20 p. Esperante & ruse

Jara abono : 2 rubl. (2,120 Sm.)

Adm. : « Librejo Esperanto », 26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo.

---

— GERMANA ESPERANTISTO —

Duonmonata gazeto, Propagando kaj literaturo.

16 p. Esperante & germane

Jara abono : 4,50 M. (2,250 Sm.)

Eldonejo : Ader & Borel

Dresden - A. 1, Struvestr., 40.

---

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO

Monata gazeto, 8 p., Esperante & germane

Jara abono : 3 K. (1,250 Sm.)

Adm. : VI, Dürergasse, 19,

— Wien —

---

— AMERIKA ESPERANTISTO —

Oficiala monata organo de Esperantista Asocio de N.-A.

16 p., Esperante & angle.

Jara abono : (2,500 Sm.)

Adm. : 607, Fifteenthstr., N.W. Washington, D. C.

---

LA LANGUE INTERNATIONALE

Monata revuo

12 p., Esperante & france

Jara abono : 1,40 fr. (0,560 Sm.)

Adm. :

39, Grande-Rue, Louhans.

---

SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO

(La unua esperanta satiro)

Deveno kaj Historio de Esperanto

(Paroladoj de Dr Zamenhof)

Ĉiu : 75 hel. (0,300 Sm.)

Ĉe : Časopis Českych Esperantistu.

Praha II, Dittrichova ul. 7.

— Bohemujo —

— DANUBO —

—

Monata organo de la rumanaj kaj bulgaraj Esperantistoj
32 p., nur en Esperanto
Jara abono : 3,50 fr. (1,400 Sm.)
Adm. : 14, str., Belvedere, Bucuresti, Rumanujo.

---

LINGVO INTERNACIA

—

Centra organo de la Esperantistoj
La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj, fondita en 1895, aperas post la 15a, de ĉiu monato.
Jara abono : 5 fr. (2 Sm.)

— JUNA ESPERANTISTO —

—

Monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj
Jara abono : 2,50 fr. (1 Sm.)
Ambaŭ gazetoj kune : 6,25 fr.
Adm. : 33, rue Lacépède
— Paris —

---

— POLA ESPERANTISTO —

—

Monata gazeto kun senpaga literatura aldono
Oficiala organo de la 8a
20 p., Esperante & pole
Jara abono: 2,50 rb. (2,650 Sm.
Adm. : Hoza 20, Varsovio.

— FRANCA ESPERANTISTO —

—

Monata orgona de la francaj esperantistoj.
16 p., Esperante & france
Jara abono : 3,75 fr. (1,500 Sm.)
Adm. : 46, Boulevard Magenta
— Paris —

---

— LA HOLANDA PIONIRO —

—

Monata oficiala organo de Holanda Societo Esperantista
4 paĝa, grandformata, Esperante & holande
Jara abono : 1,20 fl. (1 Sm.)
Adm. : Prinsestr., 48, Hago.

---

ITALA ESPERANTISTO

—

Monata oficiala organo de Itala Esperanto Asocio
12 p., Esperante & itale
Jara abono : 3 l. (1,20 Sm.)
Adm. : 13, Salita Pollaiuoli.
— Genova —

---

— TUTMONDO ESPERO —

—

Oficiala, monata organo de la Kataluna Esperantistaro.
16 p., Esperante & katalune
Jara abono : 3 fr. (1,200 Sm.)
Adm. : str. Tallers, 81, Barcelono. — Hispanujo.